YU ISSN – 0352-1583

# tempo

4
1990.

ČASOPIS SAVEZA ZA ESPERANTO HRVATSKE INFORMILO DE KROATIA ESPERANTO-LIĜO



L A 15-a DE DECEMBRO – ZAMENHOFA TAGO

## REDAKCIANOJ, KUNLABORANTOJ KAJ KORESPONDANTOJ,

Redaktofinoj en 1991:

| | |
|---|---|
| n-ro 1/91 | 15-a de februaro |
| n-ro 2/91 | 15-a de aprilo |
| n-ro 3/91 | 15-a de junio |
| n-ro 4/91 | 15-a de aŭgusto |
| n-ro 5/91 | 15-a de oktobro |
| n-ro 6/91 | 5-a de decembro |

Aktualaj kontakteblecoj:

Adreso: Josip Pleadin
pp 96
YU-43350 Đurđevac

Telefono: (043) 814-630

Telefakso: PTT Đurđevac
(por Josip Pleadin)
(043) 811-998

---

## ABONKOTIZOJ EN 1991:

*Enlande:*

a) unuopa numero ...... 25,00
b) jarabono 120,00

Por membroj de E-societoj en Kroatio:

a) kotizo de KEL kaj jarabono por „Tempo" ... 80,00
b) junularo ĝis 18-jara kun kotizo al KEL ...... 40,00

Individuaj abonoj kun individua KEL-kotizo:

a) individuoj plenaĝaj ... 150,00
b) junuloj ............ 80,00

*Eksterlande:*

a) unuopa numero . 4,00 guldenoj
b) jarabono ..... 20,00 guldenoj


**TEMPO**

**ZAGREB – 1990. 12. 05.**
**broj/numero 47**
**godina/jaro: XI**
**broj primjeraka/ekzempleroj: 1000**

**osnivač i izdavač / fondinto kaj eldonisto**
Savez za esperanto Hrvatske
Kroatia Esperanto-Ligo

**članovi uredništva / redakcianoj:**
Marija BELOŠEVIĆ,
Višnja BRANKOVIĆ,
Vukašin DIMITRIJEVIĆ
Josip PLEADIN,
Radoslav ŠKALAMERA

**glavni i odgovorni urednik / ĉefredaktoro**
Josip PLEADIN

**grafičko uređenje / grafika aranĝo**
Josip Pleadin

**savjet glasila / konsilantaro**
Josip BRKANAC,
Milan KOČIŠ (predsj./prezidanto)
Irma KOVAČIĆ,
Ivo OSIBOV,
Ivica ŠPOLJAREC

**adresa redakcije / redakcia adreso:**
Savez za esperanto Hrvatske
(za „TEMPO")
Amruševa 5/I, 41000 ZAGREB
tel. (38) 041/424-660
žiro-račun: 30102-678-4863

**adresa urednika / adreso de la ĉefredaktoro**
Josip Pleadin, B. Markača 1,
43350 Đurđevac
tel. (043) 814-630

**izlazi tromjesečno**
**aperas 4-foje jare**

**cijena primjerka / prezo de unu ekzemplero**
8,00 dinara/dinaroj

**godišnja pretplata / jarabono**
30,00 dinara / dinaroj

**tisak / presis:**
Josip Pleadin – Đurđevac

**„TEMPO" primaju svi članovi Saveza za esperanto Hrvatske s uplaćenom članarinom za tekuću godinu.**

Po mišljenju Republičkog sekretarijata za prosvjetu, kulturu i fizičku kulturu SRH, broj 2788/1-1980 od 16. 04. 1980. godine, časopis Saveza za esperanto Hrvatske „Tempo" oslobođen je poreza na promet proizvoda.

# Sukcese en '91!



Fotis: Željka Ivić

Karaj legantoj,

Tio, kio aspektis iomete nereala komence de mia redaktoreco, per ĉi-tiu numero finas la cirklon. Jarkolekto 1990 atingis la regulan aperritmon.

Celo de ĉiu informa laboro estas kiel eble plej rapide, plej detale kaj plej reale informi la uzantojn. La Prezidantaro de KEL konsciis pri tiu fakto kaj decidis, ke en 1991 „Tempo" regule gastu en viaj manoj SES-FOJE. Tio signifas, ke fine de ĉiu para monato en 1991 vi ricevos informplenan kajeron. Ankaŭ koncepte ĝi iom pliproksimiĝas al viaj interesoj. Nome, ĝi deziras fariĝi libera tribuno por viaj ideoj, diskutoj, kritikoj kaj laŭdoj. Iuj opinias, ke tro da polemikoj malutilos al ni. Mi tamen tenas la starpunkton, ke pli malutilas hazarda malkovro de niaj malkonkordo, disputoj kaj kvereloj ol se pri la samaj temoj oni publike diskutas kaj polemikas, eĉ se kelkfoje iom tro akre, eĉ se kelkfoje ofende por unuopuloj. Tiucele la paĝoj de „Tempo" restos je dispono de ĉiuj, eĉ se iliaj opinioj tute diferencas. Nur tia vojo gvidas nin al plena demokratiigo de nia informado. Montras tion ankaŭ ĉi-numeraj artikoloj pri la biblioteko kaj la vilao „Amfora".

Kompreneble, ĉiuj malklaraĵoj en funkciado de nia Ligo, societoj, unuopaj gvidantoj ktp. estu traktitaj. La redakcio publike starigos la demandon, kaj postulos reagon kaj klarigon de la koncernato. Tial, ne ŝparu paperon kaj vortojn, ni atendas viajn reagojn.

„Tempo" intencas en siaj numeroj por 1991:

1. PLIGRANDIGI LA RETON DE KUNLABORANTOJ en ĉiuj regionoj de Jugoslavio, por povi prezenti la tutecon de la respublikaj agadoj kaj lokon de KEL en tiu komunumo.

2. PLIAKTUALIGI LA INFORMOJN. Por atingi tion nepre raportu al la redakcio pri ĉio kio okazas en viaj medioj, sed faru tion detale kaj akurate.

3. ENKONDUKI RUBRIKON PRI HISTORIO, kiu pritraktos detalojn el nia movada historio. Ĝenerale temos pri redakcia materialo kiu laŭ tempa sinsekvo prezentos gravajn momentoj en la evoluo de nia movado, sed lokaj kaj regionaj interesaĵoj, precipe nekonataj fotoj kaj dokumentoj, estas bonvenaj. (Ni garantias resendon de fotoj kaj dokumentoj ricevitaj en originala ekzemplero por nia uzo!)

Enkadre de ĉiuj nombritaj aferoj, ni ne povis eviti ankaŭ unu nepopularan. Pro plioftigo de aperado, pro grandaj eksped- kaj afranko-kostoj, sed ankaŭ pro necesaj ŝparoj en ĉi-tiu finance malfacila tempo, KEL devis decidi:

1. Pligrandigi la abonkotizojn ĝis ekonomie racia nivelo por kovri ĉiujn elspezojn por produktado kaj distribuado de „Tempo".

2. Ne sendi la informilon al tiuj kiuj neregule pagas kotizojn al KEL aŭ unuope ne abonas la gazeton.

3. Pligrandigi la reton de legantoj sur la teritorio de Jugoslavio, sed ankaŭ eksterlande.

Tiel la gazeto ne plu estos amase distribuata al homoj kiuj ne bezonas ĝin, sed ĝi atingos nur tiujn, kiuj bezonos kaj deziros legi ĝin.

Kaj fine, ni uzas la okazon por transdoni niajn bondezirojn por la Nova jaro 1991 al ĉiuj niaj legantoj kaj kunlaborantoj.

La redakcio



# RAKONTO PRI LA BIBLIOTEKO – DAŬRIGO

Regulaj legantoj de „Tempo" kaj „ZELano" verŝajne estas konfuzitaj per artikoloj publikigitaj en tiuj du gazetoj, pri biblioteko en Kroatio.

Por klarigi la situacion, mi volas prezenti al vi ambaŭ (temas pri du) projektojn, por montri kial ekzistas du projektoj, kaj kio estas la diferenco.

Pri biblioteko en Zagreb kaj Kroatio oni parolas jam dum jardekoj. ES „Bude Borjan" posedas admirindan kolekton, sed kiu neniam estis tute bone prizorgata (krom honestaj esceptoj), sed sisteme neniam estis solvita problemo de fake gvidata Esperanta biblioteko. En 1979-80 estis la lasta serioza provo iom ordigi la librojn, almenaŭ en „Bude Borjan", sed post la foriro de Jim Cushing, la biblioteko denove restis en manoj de nefaka volontulo, kaj laste eĉ en malfermitaj ŝrankoj je libera uzo de (mal)honestaj esperantistoj.

Denove pri la biblioteko estis silento dum kelkaj jaroj, ĝis kiam ZEL, prezidantita de Radenko Milošević, proponis fondiĝon de la „Zagreba Esperanto-biblioteko". La ideo estis aplaŭdita (ankaŭ mi tre pozitive reagis en ZELano), kaj ĉiuj atendis pluan paŝon. Sed, la paŝo ne venis, alvenadis nur vortoj kaj vortoj. Oni diris, ke la kerno de la biblioteko estus kolektoj de Gjivoje kaj el „Bude Borjan" kaj privataj kolektoj. Ni ĉiuj atendis.

Antaŭ unu jaro mi, kiel sekretario de Terminologia Esperanto-Centro, havis taskon esplori kiel estas prizorgita heredaĵo de Gjivoje, monde konata leksikologo. Tiacele, kaj nur tiacele, mi kontaktis ZEL, s-inon Borčić kaj Nacian kaj Universitatan Bibliotekon (NSB) al kiu s-ro Gjivoje heredigis la kolekton. Kiam respondeculoj en la Nacia biblioteko eksciis, ke en TEC-oficejo disponeblas komputilo, de ilia flanko venis propono kunlabori: NSB pagus la ejon kaj bibliotekiston, TEC prizorgu komputilon por prilabori la kolekton. La celo estis: katalogigi la kolekton, ke ĝi jam prilaborita eniru novan konstruaĵon de NSB. (Bedaŭrinde, la familio Gjivoje ne akceptis tiun proponon, ili prefere atendos finkonstruon de la nova konstruaĵo).

Anstataŭ aplaŭdi, ke unu grava kolekto estus prizorgita, el ZEL venis protestoj: ŝtelo, oni ŝtelas „nian" bibliotekon, dekomence ni volis prizorgi la kolekton de Gjivoje.

Tiam kaj mi kaj aliaj esperantistoj komencis dubi, ke la projekto de ZEL iam ajn estos realigita. De la reagoj de ZEL, estis travideble: baziĝante sian projekton sur posedaĵo de la familio Gjivoje, sen ilia konsento, ZEL montris sian neinformitecon, aŭ arogantecon. Baldaŭ ni konstatis ke ankaŭ aliaj „promesitaj kolektoj al ZEL", ekzistis nur en la kapoj de la organizantoj, nek „Bude Borjan", nek Lucija Borčić, nek

Emilija Lapenna konfirmis sian „donacon". Alies kolektoj menciitaj kiel parto de ZEL-biblioteko, neniam eĉ havis „posedanton".

La ĉefa celo de la projekto estis: peti/ricevi monon, esperante ke iam la sumo sufiĉos por dungi profesiulon.

Nur post tiu konstato, en KEL oni komencis paroli pri alia projekto, science bazita, gvidata de fakulo pri bibliotekoj, kaj ellaborata kun celo organizi kaj la bibliotekon de KEL, kaj organizi fakan bibliotekan servon al esperantistoj (katalogizadon kaj fakan konsiladon al posedantoj de privataj kaj klubejaj kolektoj). Dum la ellaboro de la projekto, ni ĉiam zorgeme atentis ne obstakligi la „projekton" de ZEL: se ili sukcesos realigi ĝin, ili faru tion, ni ne malhelpos. La rezulton de niaj laboroj, vi povis vidi en la pasinta kaj tiu ĉi numero de „Tempo".

La kaŭzo de tiu ĉi informo estas apero de la eta anonceto en „ZELano", kiu alvokas donaci librojn al la biblioteko de ZEL, kun aldono: „Ankaŭ posedantoj de Esperantaj bibliotekoj kiuj deziras ke iliaj bibliotekoj eniru grandan katalogon de E-bibliotekoj kaj reton de prunteprenado...".

Pri kolektado de libroj, ni havas nenion kontraŭ, sed pri la aldona alvoko al posedantoj de la kolektoj, ni havas: tio estas ŝtelo el nia publike prezentita projekto, kaj tion ni publike rajtas kaj devas diri: ŜTELO.

La Prezidantaro de ZEL (Milošević kaj Belošević) ne nur faras problemojn al ni je ĉiu nia paŝo rilate la bibliotekon (pri tio mi devus skribi apartan artikolon), sed nun eĉ „skribas" sian projekton transskribante ĝin el la nia. Kaj tio vere ne plu estas tolerebla.

Mi scias kaj bedaŭras ĉar tiu ĉi artikolo provokos kverelojn, sed post unu jaro da provoj ne kvereli kun ZEL, mi rezignas: la rimedoj per kiuj oni atakas nin ne estas honestaj, ni ne plu povas noble kaj honeste respondi. Necesas prijuĝo de ĉiuj interesitoj pri la Esperantaj libroj kaj bibliotekoj, necesas diri la tutan veron, por malebligi trompojn.

*Ankica Jagnjić*



**Komisiono de KEL por fondo de Esperanta Biblioteko montris la „Projekton pri ellaboro de datumbazo por Esperanta Biblioteko" al la Centra Biblioteka Servo en Kroatio (NSB) por fake pritaksi la projekton. La Biblioteka Servo promesis doni sian opinion, senpagan aplikon de „Oracle"-programo kaj fakan instruon por 2-3 personoj. Ĉi tie ni denove substrekas du ĉefajn celojn de la aktivecoj pri la biblioteko. La unua celo estas esploro kaj prizorgado de librofonduso ĉe esperantistaro cele al konceptado de la biblioteko kaj estontaj aktivecoj. La dua celo estas faka prizorgo, katalogizado, livero kaj aktualigo de la biblioteka fonduso.**

**Tiurilate ni petas ĉiujn librosatantojn plenigi alipaĝan enketilon. La Enketo havas taskon esplori la veran staton de la libroposedo en privataj kolektoj, societaj bibliotekoj, libroj en urbaj kaj lernejaj bibliotekoj.**

**La informojn ni ne bezonas por ekscii pri estontaj donacoj, sed por atingi bazan informon: kiom riĉaj estas niaj esperantistoj kaj kiel plej efike uzi tiun riĉecon.**

**La biblioteko, kompreneble, estos feliĉa ricevi donacojn, ne cele al sia pligrandigo, sed cele al prizorgado de ĝis nun neprizorgitaj libroj.**

**Dušanka Halužan**

## ENKETILO
### por esplori librosituacion ĉe la esperantistaro

1. Mi posedas ........................... librojn

2. Mi posedas ........................... gazetojn.

   b) ĝeneralaj rimarkoj pri la gazetoj ....................................................

   ..........................................................................................................

3. El tiuj libroj ........................... estas lernolibroj,

   ........................... estas vortaroj,

   ........................... estas literaturverkoj,

   ........................... estas faka literaturo kaj

   ........................... aliaj.

4. Kiamaniere la libroj estas prizorgataj? ....................................................

5. La librojn uzas: a) nur mi
   b) mia familio, amikoj ...
   c) neniu

6. Mi deziras katalogizadon de la biblioteko laŭ bibliografiaj normoj: JES / NE

   b) Mi permesas publikigon de informoj rilate la bibliotekon: JES / NE

7. Mi donacus/pruntedonus parton/tuton de mia biblioteko al fake prizorgata kaj gvidata biblioteko laŭ jenaj kondiĉoj:

   ..........................................................................................................

8. Mia adreso: ..........................................................................................



**ELTRANĈU KAJ SENDU AL KROATIA ESPERANTO-LIGO**

## DISTINGU INTER LA PREPOZICIOJ „DE" KAJ „EL"

En Esperantaj gazetoj mi ofte renkontis similajn esprimojn:
*„Li venis de Afriko, dum la aliaj alveturis el Francio kaj Germanio."*
*„Ŝia robo estas de silko kaj la sako de ledo. La tablo estas de ligno".*

En ĉiuj el la supraj ekzemploj la prepozicion „de" devas anstataŭi „el".

LA PREPOZICION „DE" NI UZAS POR SIGNI:
a) posedaĵon: la libro de Petro, la domo de mia patro.
b) alligitaĵon: la golfo de Kvarner, amiko de Petro.
c) parton, membron: la limoj de la infana devo, la okuloj de la homo.
d) familianon: ido de gloraj avoj, filo de mia frato.
e) kvaliton aŭ staton: supereco de Esperanto; la situacio de Afriko.
f) rilatigon al la determinato: prezo de pano, salajro de laboristo.
g) la aŭtoron: muziko de Gotovac, poemo de Baghy, vortoj de Lanti.
h) art- aŭ produktspecon: miraklo de arkitekturo, la brilo de poezio.
i) la mezuron de la determinato: monata salajro de kvin mil dinaroj, longo de tri metroj.

LA PREPOZICION „EL" NI UZAS POR SIGNI:
a) fonton, lokon, tempon de deveno: Mi estas el Varaždin. Libro el la germana lingvo, robo el Parizo, kantisto el la nordo, monumento el antikva tempo.
b) la aron, kolektivon, kvanton, de kiu oni apartigas la determinaton: unu el la plej belaj virinoj; karno el mia karno; kelkaj el la ĉefoj, granda amaso el la Izraelidoj.
c) la materialon de la determinato: statuo el marmoro; ponto el ŝtono; robo el silko; krono el floroj; tablo el ligno.

R i m a r k o:
Ĉe nedividita materialo oni uzas ĉiam „el" (bukedo el floroj); ĉe dividita, plurale esprimita materialo, oni uzas „de" por emfazi la specon (bukedo de floroj).

NOTU: „DE" signas malproksimiĝon de la ekstero, dum
„EL" signas malproksimiĝon el la interno:

*Mi prenas la libron el la tablo (el la tabla tirkesto).*
*Mi prenas la libron de la tablo (desur la tablo).*

*Mi venas el la urbo.*
*De la urbo ĝis la aŭtoŝoseo estas nur tri kilometroj.*

*Lucija Borčić*



## OFICIALAJ INFORMOJ DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO (N-ro 14, Majo 1990)

*PRI DERIVAĴOJ DE KOMUN/A: KOMUNUMO, KOMUNAĴO, KOMUNO*

*KOMUNUMO:* pro la evoluo tiu vorto prezentas hodiaŭ tri ĉefajn signifojn. Nome,

1. Plej eta teritorio organizita por la komunaj interesoj de siaj loĝantoj.
2. Kia ajn homa grupiĝo (loka, regiona, monda) prezentanta komunajn interesojn por siaj membroj.
3, Internacia grupiĝo de ŝtatoj kun komunaj interesoj.

*KOMUNAĴO:* lo komuna, punkto komuna al du aŭ pluraj personoj.

*KOMUNO:* tiu vorto neniel povas signifi komunumo 3 laŭ la ĉi-supra difino, por kiu signifo ĝi cetere ne havas specifan adjektivon.

---

15.12.1990. ZAMENHOFA FESTO, Maribor. Okaze de Zamenhofa tago kaj 80-jariĝo de Esperanto-movado en Maribor, okazos celebro en la hotelo „Slavija" Maribor. Komenco je la 17-a horo. Programo: teatraĵo, solena vespermanĝo kaj amuzo. Prezo: 150,00 dinarojn (vespermanĝo) kaj 50-100,00 dinarojn (teatraĵo) pagataj surloke. Aliĝoj ĝis la 10-a de decembro. Tranokteblecojn peras turisma agentejo „Slavijatours", Vita Kraigherja 3, 62000 Maribor, kiu prizorgas informojn ankaŭ en Esperanto. Aliĝojn por la festo direktu al: Esperanto-societo, Razlagova 16, 62000 Maribor.

27.12.90.-3.1.91. 34-a INTERNACIA SEMINARIO DE GERMANA ESPERANTO-JUNULARO, Finnentrop (Germanio). Temo: „Mezeŭropo — kien vi iras?". Aliĝoj al: Germana Esperanto-Junularo, Rheinweg 15, D-5300 Bonn 1, Germanio. Prezoj varias inter 180 kaj 350 DEM. Vojaĝsubvenciojn rajtas ricevi ne-FRG-anoj en aĝo de 14-27 jaroj kiuj plentempe partoprenas la seminarion.

Vojaĝojn al ĉi-tiu seminario organizas:
ZAGREBA ESPERANTO-LIGO, Amruševa 5/I, Zagreb. Vojaĝo perbuse, prezo de vojaĝo (sen aliĝkotizo): 160 DEM.

ESPERANTO-SOCIETO „LIBERIGA STELO", pp. 27, 54000 Osijek. Vojaĝo perbuse. Prezo nekonata.

30.12.90.-2.1.91. NOVJARO EN SARAJEVO (ILIDŽA). Organizanto: ELBIHTUR. Loĝigo en du- kaj tri-litaj ĉambroj en hotelo „Terme" en fama banloko Ilidža. Programo: interkona vespero, urborigardado, lumbild-prelego, Novjara balo, promenoj al fonto de rivero Bosna, Postnovjara balo, Esperanta libro. La hotelo disponigas al la partoprenantoj sian kompletan ekipaĵon por fiziterapio. Sulfuroza akvo en basenoj kaj kuvoj, saŭno, naĝbaseno kaj gimnastikejo uzeblaj. Prezo: 1.250.0 dinarojn por aliĝoj ĝis la 15-a de decembro, poste: 1.500,00 dinarojn. La prezo inkluzivas loĝigon, nutradon, programojn kaj servojn de la hotelo. Aliĝoj: ELBIHTUR, V. Pelagića 8/I, 71000 Sarajevo.

## KOREKTOJ

En la lasta numero de „Tempo" neintence estis faritaj kelkaj eraroj. Ni pardonpetas la organizaĵojn kaj unuopulojn, kiuj pro tio havis moralan aŭ materian perdon. Jen la korektoj:

*CHOE TAE-SOK:* La turneon de la korea samideano tra nia lando prizorgis Spomenka Štimec, sed ne persone, private. La laboro estis farita enkadre de ŝia labortempo en Internacia Kultura Servo, kiu estis oficiala organizanto de la turneo. El ĉiuj intervjuoj sur la teritorio de Jugoslavio, probable la plej signifa estis TV-elsendo por „Zagreba Kroniko" pri la korea lernolibro dum la tago de la libroprezento.

*EL POPOLA ĈINIO / SPOMENKA ŠTIMEC:* En la informo pri ebleco aboni la ĉinan revuon „El Popola Ĉinio" aperis la informo, ke la abonoj estu sendataj al privata adreso de Spomenka Štimec. *Bonvolu konsideri, ke la abonoj estu sendataj al adreso de ŝia firmao: Spomenka Štimec, Internacia Kultura Servo, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb. Ni krome aldonu, ke la abonoj estas: por 1 jaro – 85 dinarojn, por 2 jaroj – 135 dinarojn kaj por 3 jaroj – 190 dinarojn. La sumoj ŝanĝiĝos, kiam ŝanĝiĝos dolara kurzo.*

## JUGOSLAVIAJ VERKISTOJ EN ESPERANTO

Sub la supra titolo Serbia Esperanto-Ligo lanĉis beletran serion. La serio estas fondita por konigi al la esperantistaro la jugoslavian beletron, kaj estas planite eldoni almenaŭ du librojn jare. La plano por 1990 jam parte realiĝis. Estis eldonita la libro de David Albahari: „Eklampsio en remizo", kaj prespreta (aperonta supozeble en decembro) estas poemaro de Desanka Maksimović „Ozono de naskiĝloko".

Por 1991 la aplano ankoraŭ ne estas aprobita, tamen estas antaŭviditaj du verkoj:

1. verko de iu jugoslavia hungarlingva aŭtoro (tradukonto: Boriša Milićević) kaj

2. Poemaro de Izet Sarajlić (tradukonto: Zlatoje Martinov).

Konkursi por eldono povas ĉiuj jugoslaviaj tradukistoj, kaj la manuskriptoj estu sendataj al la redaktoro de la serio: Zlatoje Martinov, D. Tucovića 28, 26000 Pančevo. Tamen, zorgu pri la postuloj de la serio:

– oni eldonos nur verkojn de jugoslaviaj aŭtoroj,

– oni traduku verkojn de modernaj, laŭstile kaj laŭ la literatura ilaro inventaj verkistoj, de tiuj kiuj havas interesan lingvon, formon kaj teman aliron, de tiuj kiuj realigas veran kaj senperan komunikon kun scivolema legantaro. (Ekz. D. Albahari estas neordinara verkisto, postmodernisto kun specifa literatura esprimo; Desanka Maksimović verkas haiku-poezion ktp.),

– la verkoj ne estu tro ampleksaj (maksimume 100-paĝaj) por ke oni povu financi ilian aperon.

# SEMAJNO D

ZAGREBA ESPERANTO-LIGO

ZAMENHOFA TA

## I) PORINFANA RENKONTIĜO

La 8-an de decembro 1990 en Domo „Ribnjak"
Atendataj gelernantoj el zagrebaj bazlernejoj, kiuj lernas Esperanton.
Programo: muziko, aktorado, desegnado, dolĉaĵoj.
La partoprenontoj kunportu muzikilojn.
Tempo: inter la 11-a kaj 14-a horoj.

## II) DRAMA VESPERO EN ESPERANTO

La 12-an de decembro 1990 en Zagreba pupteatro, strato „8. maja" n-ro 35.
Komenco: je la 19,30 h.
Programo: monodramo prezentota de kuba aktorino Almanza Rodrigeza „Amo en proverboj" kaj elekto el poezio de Artur Azevedo, prezentota de Vida Jerman kaj Saša Pilipović
Ambaŭ programoj estis prezentitaj dum la UK en Havano.
Antaŭ la programo okazos prezento de la rezultoj de Literatura konkurso „Ivo Rotkvić" kaj disdono de diplomoj de ZEL okaze de Zamenhoftago.

## III) TAGO DE ESPERANTO-LIBRO

La 13-an de decembro 1990 en Salono de Školska knjiga, Masarykova 28.
Komenco: je la 13-a h
Ekspozicio de eldonaĵoj de ZEL kaj aliaj eldonistoj en la lando.
Prezento de ĉi-jaraj eldonaĵoj.
Speciale invititaj ĉiuj E-eldonistoj el Jugoslavio por prezentiĝi.

## IV) VESPERO DE ZAGREBAJ ESPERANTISTOJ

La 14-an de decembro 1990 en ejo de Kulturarta fervojista societo „Vinko Jeĝut", Trnjanska 1 b.
Komenco: je la 19-a horo
Programo: Elekto de la plej bona frontpaĝo de „ZELano" en 1990-a jaro, lotumado de donacintoj de E-libroj, amuza programo en verda etoso.
Atenton: enirbileto kostos 20,00 dinarojn, kaj ĝi inkluzivas numeron de „Verda loterio", rajton manĝi kaj trinki ĉion troveblan surtable, kaj partoprenon en amuziĝo.
Membroj de la Fervojista E-societo nepre kontaktu s-ron Šlabek rilate la enirbiletojn.
La ceteraj povas aĉeti la biletojn ĉe la sekretario de ZEL!

## SEMINARIO POR NOVAJ AKTIVULOJ

Dato: 14-a ĝis 16-a de decembro 1990 en Zagreb
Temo: Prelegoj pri Esperanto-movado kaj pri Kroatia Esperanto-Ligo, pri la eldona agado, kaj pri manieroj organizi kaj gvidi Esperanto-kursojn. La partoprenantoj spektos diapozitiv-prelegojn el Esperantaj vojaĝoj.
Loĝigo: en hejmoj de zagrebaj esperantistoj.

## EKZAMENOJ DE ESPERANTO

Dato: la 15-an de decembro 1990. je la 10,00 horo
Loko: Sidejo de Kroatia Esperanto-Ligo en Amruševa 5/I
Programo: Okazos ekzamenoj por A, B kaj C-grado de Esperanto, konsistantaj el skriba kaj parola partoj.
Prezo: 150 din (inkluzivita dipolomo)
Aliĝoj: ĝis la 7-a de decembro 1990.

## KVIZO PRI TIBOR SEKELJ

Dato: la 16-a de decembro 1990.
Temo: Verko de Tibor Sekelj. Materialoj riceveblaj ĉe KEL.
Aĝo: Ni atentigas vin, ke maksimuma aĝo de team-membroj devas esti 18.
Aliĝoj: ĝis la 7-a de decembro.

## ESPERANTO-KURSO

Por atentigi zagrebanojn pri Esperanto, estos organizita rapida kurso en du semajnfinoj (7-a ĝis 9-a kaj 14-a ĝis 16-a de decembro).

■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■■

## V) EKSPOZICIO DE ZAGREBAJ ESPERANTISTOJ-DESEGNANTOJ

Ekspozicias: Leonardo Budimlić, Krešimir Polak, Snježana Bogdanović, Zdenka Svetličić kaj Videka Romanc.

## VI) RENKONTIĜO DE ELDONISTOJ DE E-GAZETOJ KAJ E-LIBROJ EN JUGOSLAVIO

Labora kunveno por trovi eblecon por kunlaboro

DAŬRIGA RAPORTO PRI LA VILAO „AMFORA"

# MALVENKITAJ PRINCIPOJ

En la kunveno okazinta la 18-an de novembro 1990 en Rijeka estis malvenkitaj universalaj bonaj principoj kaj veraj interesoj de la Societo Esperantista „A. Š. Turković" kaj de la E-movado.

La societo „A. Š. Turković" en Rijeka havas 58 membrojn kun pagitaj membrokotizoj. Al la kunveno ĉeestis 23 tiaj membroj. Per aneksaĵo (aneksi laŭ PIV signifas: aligi ion malpli gravan kaj neĉefan al io ĉefa kaj pli grava) al la malbona kontrakto pri luigo de la vilao „Amfora" voĉdonis 15 membroj, por nuligo de la kontrakto 6, kaj 2 restis detenitaj. Preskaŭ nekompreneble estas ke la plimulto libervole kunsentis doni laŭleĝecon al malbona kontrakto.

Belega ŝanco estas preterlasita. Bonaj principoj kaj veraj interesoj estis piedpremitaj en ardigita kaj pasie flamigita etoso, altrudigita de malgranda grupo ne permesinta ke oni atingu la plej bonajn decidojn en paca kaj pacema interparolo pri faktoj. La provo de pacema kaj serena klarigo estis brutale interrompita per malcivilizitaj incidentvortoj kaj per fanatikaj, galemaj, agresivaj insultoj. Malproksime de la etoso de „unu granda rondo familia".

Unu grupeto altrudiĝis ne elektante rimedojn. Jen, kiel ĝi preterlasis la bonajn principojn kaj la interesojn de E-societo:

1. Prudente estus luigi la vilaon „Amfora": ju pli altpreze, des pli bone. Laŭ la fifama kontrakto estas akceptita malfavora luprezo kaj tio okazis samtempe kiam en Rijeka je publika konkurado por lupreno de negocejoj la komenca prezo estas minimume ĉirkaŭ 10 DEM por 1 kvadrata metro da utila spaco. Memkompreneble, dum konkurado la prezo kreskas. En komparo kun la lasta trideko da konkuradoj en Rijeka, por la vilao „Amfora" oni estus devonta akiri almenaŭ 3000 DEM monate, kaj en bona okazo ĝis 6000 DEM monate.

2. Bona proprietulo klopodas sian posedaĵon protekti kontraŭ ruiniĝo kiel eble pli bone. Oni faris inverse, ĉar laŭ la kontrakto post 17 jaroj oni redonos „la konstruaĵon en ne pli malbona stato ol ĝi troviĝas nuntempe". Oni entute neglektis la ekzistantan projekton pri riparo de la vilao „Amfora" kies realigo kostas 200.000 DEM.

3. Ĉiu proprietulo zorgas ke

ludono daŭru nur dum iu relative prudenta periodo. Inverse, la kontrakto estas farita por 17 jaroj, malgraŭ tio ke la praktiko en Rijeka reguligas tion je 10 jaroj, kun ebleco ankaŭ en tiu periodo revizii la kondiĉojn de la luprezo.

4. La kontrakto permesas kaj toleras ke la lupreninto donu la vilaon al la viclupreananto. Kial la Societo mem ne ludonu rekte al tiuj viclupreanantoj? Stranga afero.

5. Per la kontrakto oni ludonis la tre valorajn negocejojn por tre neadekvataj kaj malkonformaj aktivecoj. La vilao povus havi altnivelan kvaliton kaj kategorion (klason), kaj tia kategorio normale postulas ankaŭ reciprokan uzon, ekzemple gastigantan-turisman-agentejan aktivecojn. Inverse, laŭ la kontrakto oni ludonas la vilaon por ĉiaspeca uzo, interalie ankaŭ por magazeno kvazaŭ ĝi estus ne vilao sed iu malvalora kelo. La vilao, do, estas degradita. Kial?

6. Anstataŭ apliki la publikan konkuradon, la grupo subtenanta la kontrakton, ĉion finpretigis malpublike, ekster regulaj organoj de la Societo „A. Š. Turković", kaj sen aprobo de la Prezidantaro.

7. Laŭleĝecon oni ne respektis. Male, la prezidanto de la Societo subskribis la kontrakton, kvankam li ne estis rajtigita tion fari, ĉar en kunsido de la Prezidantaro voĉdonis nur 6 membroj (el 13, el kiom konsistas la Prezidantaro).

8. La teksto de la kontrakto estis nekonata al la membroj de la Societo. Oni donis la eblecon nek almenaŭ al la membroj de la Prezidantaro, ke ili anticipe ricevu multobligitan tekston, por ke ili povu ĝis iu prudenta limdato trastudi ĝin, doni eventualajn rimarkojn aŭ riproĉojn, kaj post tio en iu regula kunveno aŭ kunsido pridiskuti kaj nur tiam konkludi la aferon per firmaj decidoj.

9. La Komisiono por la vilao „Amfora", laŭ la decido de la jarkunveno de la Societo ne ekzistas jam longe, kaj la taskojn de tiu iama komisiono la jarkunveno transdonis al la Prezidantaro. Tamen la membroj de la iama komisiono arbitrece traktadis postkulise kaj ne antaŭ la Prezidantaro. Tiel la eksa komisiono uzurpis la rajton al ĝi neapartenantan. Ĝuste la „komisiono" fakte finpreparis, finpretigis la malfavoran kontrakton.

10. La uzurpanta grupo simple bagateligis kaj neglektis kaj la Prezidantaron kaj la tutan membraron de la Societo. Ĝi entute kondutis tre malpermeseble, ĉar tia aroganta konduto praktike humiligas ĉiujn societanojn.

11. La societanaro estis humiligita ankaŭ alimaniere: la grupo entute ne respektis la decidojn de la kunsidoj de la Societo.

12. Iaspeca aŭtokrateca konduto kaj sinteno de la prezidanto estas tute ne permesebla. Lia arbitreca venado aŭ ne venad o en la societejon, lia memvola arbitreca invitado aŭ neinvitado al kunsidoj aŭ kunvenoj estis ofta kaj karakteriza.

13. Anstataŭ tre volonte kaj pacience deziri, laŭ la bonaj kutimoj, aŭdi kaj aŭskulti ĉies rimarkon, ideon kaj opinion, ĉe la kunsidoj oni provis malebligi la diskuton kaj arbitrece rompi normalan kunlaboron.

14. Por altrudi la malbonan kontrakton oni ne elektadis rimedojn: abrupta, neatendita altrudo de maldiskonigita teksto kaj malplenaj promesoj kun postulo de tuja senpripensa kunsento.

15. Malbela praktiko estis bojkoti la ĉeeston en la societejo por malhelpi ke oni alportu decidojn malkonvenajn al la grupo.

16. La kontrakto estis subskribita en granda urĝo, kvankam estis bone konate ke ekzistas klare esprimita pravigebla kaj ĝusta malkonsento kaj seriozaj rimarkoj kaj riproĉoj. Kial tia urĝo, se ĉio estis farita honeste kaj bonvoleme? Kial oni subskribis la malbonan kontrakton, ne volante prokrasti la aferon almenaŭ por kelkaj tagoj?

17. Prave naskiĝas malkonfido al la menciitaj metodoj. Kurioza kaj stranga estas la kialo de pasia, ardigita etoso en kiu oni uzas nekonvenajn, galajn, vortinsultojn, ofendojn kaj malcivilizitajn kondutformojn – anstataŭ argumentojn, faktojn kaj pruvojn.

Ververe, kial ĉiuj tiuj malbelaĵoj? Kial oni ne volis aŭskulti rimarkojn? Kial oni ne lasis en la vilao „Amfora" almenaŭ 50 metrojn kvadratajn da libera spaco por la esperantista aktiveco? Por ludono restus ankoraŭ 200 kvadratmetroj da uzebla fermita spaco kaj pli ol 50 metrojn kvadratajn da bela teraso kun rigardo al maro. Kial oni ne insistis ke la vilao portu la nomon „Esperanto", kvankam tio estis proponita? Kial ĉe la kunveno okazinta la 18-an de novembro 1990 oni permesis ke parolu, atakadu, insultu, ofendu, akuzu, minacu kaj arogante altrudu sian propran opinion persono kiu ne apartenas al E-movado, nek li protektas la interesojn de la Societo „A. Š. Turković"? Kial oni permesis paroli al iu ajn se li persone estas materiale interesiĝanta? Bone, lasu ilin libere paroli, sed permesu ankaŭ ke oni povu digne respondi al la insultoj.

En tia situacio nepre naskiĝas iaspeca suspektemo kaj dubo ĉu la intencoj estis la plej bonaj. Por akiri justajn kaj honestajn celojn oni ne rajtas rompi bonajn principojn nek oni bezonas uzi malĉastajn metodojn. Kial estis eble tiel akrege, blinde, incitiĝeme, preskaŭ malame ataki la bonintencajn societanojn, kaj tiel brutale intermiksiĝi en amikecan vorton?

Neniu el la partoprenintoj asertis ke la kontrakto estas senerara. Iuj kredas ke oni povas ĝin plibonigi per aneksaĵo. Mi dubas ĉu tio eblas. Mi kredas ke la solvo povas esti nur:

1. Nuligi nelaŭleĝece subskribitan kaj por la Societo malutilan kontrakton,

2. Anonci publikan konkuradon por ludoni la vilaon „Amfora" sub ĉi-tiuj kondiĉoj:

a) komenca konkurprezo estu 10 DEM por 1 kvadrata metro,

b) ludoni por daŭro de 10 jaroj,
c) ne permesi la vicludonadon,
d) deteni ĉirkaŭ 50 kvadratajn metrojn por bezonoj kaj uzo de la Societo „A. Š. Turković",
e) la luprezon oni ŝanĝas sammaniere kiel tion faras la Komunumo Rijeka por ĝia proprietaĵo ludonata,
f) ludoni por turisma-gastiga aktiveco (aŭ por io simila, por ne degradi la kvalitnivelon de la vilao),
g) la vilao portu la nomon „Esperanto", videblan de malproksime,
h) la ekzistanta projekto por la riparo de la vilao „Amfora" (por 200.000 DEM) estu konsista parto de la kontrakto,
i) limdato de malluo pro neplenumado de la kontrakto estu 2 monatoj.

Temo de ĉi-tiu artikolo estas la principoj kaj ne la personoj. Ĉi-tie oni ne parolis pri postkulisaj ludoj kaj pri skandalecaj intrigoj. Ĉi-tiu artikolo estas la provo protekti la verajn interesojn de la Societo „A. Š. Turković". Ĝi estas samtempe atako al la provo refuti la bonajn principojn, sed ne atako al homoj. (Latine oni dirus: ad rem, non ad hominem).

Kun granda respekto mi klopodas atente respekti ĉiujn personojn kaj ĉies personan dignon.

*Rado Škalamera*

NOTO DE LA REDAKCIO:
Pri la problemoj rilate la vilaon „Amfora" parolis ankaŭ la Prezidantaro de KEL en sia 12-a kunsido la 3-an de novembro 1990 en Zagreb (bedaŭrinde sen kvorumo). La konkludo estas, ke en proceso de aĉeto de la vilao „Amfora", la societon en Rijeka KEL subtenis per konsiderinda sumo, kiu poste estis konsiderita ne kiel prunto sed kiel financa subteno, sed la ĉefa kondiĉo estis, ke la vilao restu en servo de la E-movado. Al la aferoj de la Societo en Rijeka KEL ne havus moralan rajton miksiĝi, se ne estus ekzistinta tiu kondiĉo. La kontrakto subskribita kaj kritikita en ĉi-supra artikolo ja permesas ke la vilao estu uzata ekster la Movado kaj je rekta perdo kaj malutilo de ĝi. Tial KEL ja tute prave postulas revizion de la kontrakto je kompleta bono de Esperanto-Movado en nia lando.




## INTERNACIA INFANSEMAJNO

Zagreba Esperanto-Ligo en la unua parto de oktobro organizis ekspozicion de infandesegnaĵoj, okaze de Internacia infansemajno. La deseganĵoj estis faritaj dum la renkontiĝo de zagrebaj lernantoj kiuj lernas Esperanton kaj iliaj gastoj el Budapeŝto. La ekspozicio estis organizita en biblioteko „Vladimir Nazor" Špansko.

*MB*

## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO

TEĴA estas faka Esperanto-Asocio, kiu grupigas profesiajn aŭ amatorajn ĵurnalistojn-esperantistojn. Ĉiuj ĵurnalistoj el Jugoslavio, kiuj okupiĝas pri artikol-verkado ĉu en aŭ pri Esperanto, ĉu en la gazetaro aŭ por radio kaj televido, ĉu por regionaj, respublikaj aŭ landnivelaj gazetoj, ĉu profesie aŭ amatore, bonvolu anonci sin por eniri statistikon de la Asocio. Estas necese skribi: nomon kaj familian nomon, naskiĝjaron, sekson, por kiu(j) gazeto(j) aŭ radio kaj televido la koncerna ĵurlanisto verkas, ĉu temas pri profesia ĵurnalisto aŭ pri amatoro, ĉu la koncerna persono deziras fariĝi membro de TEĴA, kunlabori kaj ricevadi la gazeton „Internacia ĵurnalisto".

Pri ĉiuj detaloj informiĝu ĉe estrarano de TEĴA, s-ro Davor Grgat, Paićeva 21, 58000 Split, telefono: 058/512-565, aŭ al sama persono: (Esperanto-somerumejo) Mali Rat,58315 Dugi Rat, telefono: 058/876-069.

## INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Se vi interesiĝas pri instruado de Esperanto, por vi ekzistas ŝanco ankaŭ en Jugoslavio aboni „Internacian pedagogian revuon" kaj membriĝi al Internacia Ligo de E-instruistoj. Por la jaro 1990 abonkotizo estas 80,00 dinarojn, pagata al ĝirkonto de ZEL: 30105-678-68653. Baldaŭ ni informos vin pri la abonoj por 1991.

*MB*

## ORIENTA SPECIALA DIINA MASAĜO

Esperante eldonita de Internacia Instituto por preventa Medicino en Tokio, la libro aperis ankaŭ en sia serba traduko sub la titolo „Specijalna oriejtalna božanstvena masaža".

La aŭtoro de ĉi tiu libro esta Masayuki Saionji, kaj la informojn pri la serba eldono liveras Serbia Esperanto-Ligo, Terazije 42, 11000 Beograd aŭ la tradukinto: Terezija Kapista, Studentska 39/23, 11070 Novi Beograd.

## KUNSIDO DE KONFERENCO DE JUGOSLAVIA ESPERANTO-LIGO

Post multaj monatoj, post preskaŭ plena jaro, la Konferenco de Jugoslavia Esperanto-Ligo havis bezonatan kvorumon por decidpove labori.

La kunsido okazis la 20-an de oktobro en Palić apud Subotica. Oni faris decidojn pri kelkaj gravaj aferoj:

— estis elektita prezidanto (Radojica Petrović) kaj sekretario (Vera Čornij),

— estis farita decido pri komenciĝo de publika diskutado pri la nuna Statuto kaj de noveproponita,

— La ĉeestintaj reprezentantoj unuvoĉe kunsentis, ke JEL devus esti Ligo de ligoj.

— La decido pri la urbo-gastiganto de jugoslavia kongreso ne estis farita *, ĉar kelkaj postulis pluajn informojn, kaj kelkaj eĉ ne konis kandidatiĝon de ZEL (!) ( porinforme: ĝi estis preparita meze de januaro ĉijare). La decido estis prokrastita por fino de novembro. Prokrastinte la decidadon pri la urbo-gastiganto, oni malfermis eblecon ankaŭ al aliaj interesitoj kandidatiĝi por la Kongreso. La limdato estis la 10-a de novembro.

— La Prezidantaro de JEL fariĝis Organiza komitato de la jugoslavia Kongreso, kaj estis akceptita koncepto de la Kongreso kaj la dato, la 27-a ĝis 29-a de septembro 1991.

— Formiĝis ankaŭ jugoslavia parto de Balkana Esperanto-Komitato en kiun eniris: Marija Belošević, Vera Čornij kaj Radojica Petrović.

Konklude, mi esperas, ke JEL troviĝas survoje al laborplena kaj entuziasma periodo.

*Marija Belošević*

* Poste elektiĝis kiel urbo-gastiganto Subotica (red. inf.)

---

## ATENTON – MEMBROJ DE LA PREZIDANTARO DE KEL

En sia 12-a kunsido okazinta la 3-an de novembro en Zagreb (bedaŭrinde sen kvorumo), la Prezidantaro taskigis siajn membrojn pristudi la materialon titolitan „Prijedlog pravilnika o bodovanju esperantskih društava".

La nomita materialo estas tre grava por instigi niajn societojn kaj aktivulojn daŭre labori por Esperanto, ĉar ĝi valorigas ĉies laboron.

Ni petas la prezidantaranojn tuj, sed laste ĝis fino de decembro 1990, siajn rimarkojn, ŝanĝojn kaj kompletigojn sendi al redakcio de „Tempo". Surbaze de ĉiuj rimarkoj estos farita nova versio de la Regularo, kaj sendita al niaj societoj por ĝenerala pritrakto.

Ĉar la Regularo devus ekvalidi ekde la komenco de 1991, ĝin devus konfirmi la Jarkunveno de Kroatia Esperanto-Ligo. Tial la prezidantaranoj nepre faru sian laboron senprokraste!

---

## KIEL AKTIVAS SMAIL GRBO

Smail Grbo estas esperantisto el Sarajevo, kiu estas iomete interesa persono inter esperantistoj. Temas pri homo kiu aktivas kiel solulo, sed kiu tamen, resumante la rezultojn, faras multe. Sian aktivadon li parte esprimis en la libreto „Mi estas esperantisto" (havigebla ĉe la aŭtoro je prezo de 50 dinaroj). Dum lasta somero li estis tre aktiva: En Poprad (Ĉeĥoslovakio) li prelegis en sidejo de Slovakia Esperanto-Ligo pri sia urbo kaj pri Esperantujo, kaj vizitis naskiĝdomon de Tibor Sekelj en Spiŝka Sobota, kune kun Voĉo Ĉisomere li eldonis nacilingvan libron „S esperantom po svijetu" (prezo: 120,00 din), vojaĝpriskribon sur 335 paĝoj. Ĉi-aŭtune okazis promocioj de lia nova libro kun ekspozicio „Esperanto en turismo", en konata kulturdomo „Trasa" kaj en Popoluniversitato „Đuro Đaković", pri kio informis sarajeva ĵurnalo „Oslobođenje", Radio-Sarajevo kaj TV-Sarajevo (intervjuo kun S. Grbo). Komence de oktobro TV-Sarajevo denove intervjuis lin en la elsendo „Evrotur" pri liaj vojaĝoj kaj pri rolo de Esperanto en turismo. Dum junio li gastis unu horon en la elsendo „Radioplov" de Radio-Sarajevo. La gazeto „Una" fine de septembro faris grandan artikolon pri li sub titolo „Bosnia Marko Polo".

Inter esperantistoj li estas konata kiel ŝatanto de vidbendoj kaj videofilmado, kaj li kolektis plurajn vidbendojn por projekciado en Esperantaj societoj. Dum multaj jaroj li gvidas lernejan Esperanto-klubon „Kolombo", kaj jam famas lia Esperanto-muzeo en privata domo.

Se vi volas kontakti kun tiu aktivulo de nia movado, jen lia adreso: Smail Grbo, Vrbovska 50, Sarajevo, tel. 071/659-750.

## ENIGMOJ EN ESPERANTO

Septembre aperis en Francio nova, interesa revuo „Enigmo" (dumonata, speciale pri krucvortoj kaj spritaj ludoj en Esperanto). Ĝi estas simila al nacilingvaj enigmo-revuoj, kiuj estas ĝenerale populara legaĵo, kaj konsistas el kutima krucvortoj, sed ankaŭ el aliaj enigmoj (triglifo, monoglifo, labirinto, kriptaĵo, metagramo, puzlo, ŝarado, rebuso ktp.). La lingva konsilanto estas d-ro Andre Albault, membro de la Akademio de Esperanto, kio garantias la kvaliton. La revuo aboneblas ĉe: „Enigmo", B.P. 7, F-31914 Toulouse Cedex, Francio. Por jugoslavoj la jarabono estas 20 nederlandaj guldenoj por unujara periodo. Pri aliaj detaloj interesiĝu ĉe la redakcio.



## FAMILIO INTERNACIA

Ekde 1991 estas planata eldonado de informa bulteno „Familio Internacia", kiu helpos al esperantistoj krei internacian E-familion. Informojn petu ĉe: Geesperantista Servo Geedziĝa, Kesto 175, Postamt, SU-220050 Minsk, Sovetunio.

## ESPERANTO-MOVADO EN SPLIT – STAGNAS

Parolante pri la E-movado en Split, sendube multaj pensos ke temas pri unu el la plej sukcesaj Esperanto-medioj. Precipe malnovaj esperantistoj bone memoras, ke en Split okazis nia Dua nacia E-kongreso, en la jaro 1924, kaj inter la du mondmilitoj en Split aktivis sporta klubo „Esperanto" kun kelkaj sekcioj. Omaĝe al la 100-a datreveno de naskiĝo de d-ro Zamenhof, en Split estis konstruita pola ŝipo „Zamenhof", kaj en la jaro 1960 Split estis gastiganto de la Tria kultura festivalo de jugoslaviaj esperantistoj, al kiu partoprenis multnombraj kultur-teatraj grupoj el la tuta Eŭropo. Split dum lastaj jaroj donis al la monda E-movado du prezidantojn: d-ron Ivo Lapenna, prezidanton de UEA kaj Ivo Osibov, prezidanto de TEJO. Ĉio ĉi parolas, ke la movado estis vaste diskonigita kaj ofte uzata, ne nur inter la kvar societaj muroj, sed ĝenerale en vasta publiko. Kia situacio estas nun rilate la movadon? Tute inversa. La movado dependas de opaj aktivuloj, sed, mi opinias, ke estus pli bone prezenti pli larĝan skizon en iu sekvonta numero de nia gazeto.

Kvankam nun la movado dependas de unuopuloj, nombreblaj je fingroj de unu mano, tamen de tempo al tempo, dank' al nur kelkaj esperantistoj, ni povas esti kiel-tiel kontentaj. Nome, komence de la jaro en dutaga vizito al Split venis pli granda grupo da turistoj el Hispanio, inter kiuj troviĝis s-ro Carlos F. Anayo, membro de Hispana Esperanto-Federacio. Nur kelkajn tagojn poste, venis s-anino J.C. van Tinteren, verkistino el Amersfoort, Nederlando, kiu kun sia amikino vizitis Split kaj ĝian ĉirkaŭaĵon. Komence de aŭgusto, en la ĉirkaŭaĵon de Split (Dugi Rat) venis por somerumi geedza paro Gastone Boraĝi kun la edzino Maria-Teresa, kaj filino Ĝorĝa, studentino de juro en Bologna, Italio. Kvankam dum pluraj jaroj ili intencis viziti Dalmation kaj ĝui ĝian historian kaj kulturan vivon, leginte en la revuo de Itala Esperanto-Federacio ke temas pri malalta prezaro, bona banado, pura plaĝo kaj brila suno, ili decidis somerumi en esperantista etoso en Dugi Rat, inter Split kaj Omiš. Dum sia restado ili vizitis Split, Omiš, insulon Hvar, Makarska, Vrgorac kaj Meĝugorje, kaj ĉio por ili restis neforgesebla memoraĵo, pri kio ili parolis en kelkminuta intervjuo por Kroata Radio – elsendostacio Split.

Meze de aŭgusto en Split okazis malgranda (preskaŭ)kongreseto. La 12-an de aŭgusto en Split kolektiĝis esperantistoj-blinduloj revenantaj el Sarajevo, post finita Kongreso de blindaj esperantistoj, en akompano de s-ro Fetah Zvirac. Kun ili alvenis Jadwiga Gibczynska, aktorino el Krakovo, Pollando, kiu partoprenis la blindulan kongreson en Sarajevo. Samtempe el Zagreb alvenis s-anino Lucija Borčić, kiu kun sia amikino Jadwiga forvojaĝis ŝipe al insulo Vis. Ilia vizito al Split estis bonvena por propagandi Esperanton, ĉar ili estis intervjuitaj por Radio Split. Krom tio, dum la 15-aj Atletikaj ludoj mi havis la okazon renkonti kvar esperantistojn eksterlandanojn.

Laŭ ĉio ĉi supra, estas videble ke la movado en Split ne mortis, sed ĝi dependas de unuopaj gesamideanoj, kaj ne kiel kutime de ĉiuj membroj de la movado. *Davor Grgat*

## ENPENSIĜENDA

Esperanto-kurso por komencantoj estis anoncita en taggazeto „Novi list" en Rijeka dufoje, la 17-an de oktobro kaj la 23-an de oktobro. La unua anonco tekstis jene:

„Esperanto-klubo 'A. Š. Turković' organizas kurson de Esperanto por komencantoj. La prezo de la kurso estas 500 dinarojn. La kurso daŭros tri monatojn, dufoje semajne. Aliĝoj mardon, la 23-an de oktobro je la 19,30 horoj en la klubejo (Korzo 2a/3)."

La dua anonco ripetis la tekston aldoninte, ke oni povas sin anonci kaj aliĝi ankaŭ per telefono 34-670.

La urba centro de Rijeka estis plena de afiŝoj invitantaj al Esperanto-kurso. Ankaŭ la urbaj aŭtobusoj.

Post ĉio venis fiasko. Nur unu, nur unusola persono esprimis deziron lerni Esperanton.

Cicero dirus: „O tempora, o mores!". En kiaj tempoj ni vivas? Ĉu la tempoj estas strangaj aŭ mirindaj? Kie sin kaŝas la eraro? Ĉu ni, esperantistoj malkapablas kompreni la tempon kies atestantoj ni estas? Ĉu ni estas tiom senhelpaj en nia propra mondo? Ĉu la tuta Esperanto-movado ne povas aŭ ne scias sukcese kontakti kaj komuniki kun la moderna mondo en nuntempaj cirkonstancoj? Cu la kulpo estas nia, aŭ la mondo eraras?

Enpensiĝenda.

*Rado Škalamera*

P.S.

Rijeka havas 220.000 enloĝantojn. Ĝi estas universitata urbo, marhaveno, elstara centro de internacia turismo. La urbo proksimas al la ŝtatolimo. Internacia rilatoj oftegas. Grandega bezono komuniki kun diverslingvanoj.

## AL NORVEGIO SOMERE

Kiel konate, la 76-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Bergen (Norvegio) inter la 27-a de julio kaj 3-a de aŭgusto 1991. Por instigi vin jam nun revi pri Norvegio, ni informas vin, ke karavanajn vojaĝojn planas:

*Esperanto-societo „Liberiga Stelo", pp. 27, 54000 Osijek*

*„Slavijatours", turistična agencija in trgovina, Vita Kraigherja 3, 62000 Maribor, tel. (062) 23-661 (informojn Esperante donas: Janko Struc).*

*„Elbihtur", V. Pelagića 8/I, 71000 Sarajevo.*

Jam nun interesitoj bonvolu kontakti la organizantojn, por ricevi ĝustatempe necesajn informojn.

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

## ĈEFDELEGITO DE UEA INFORMAS

KOTIZTABELO (en guldenoj)

| MG | MJ(-K) | MA(-K) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|
| 7 | 17 | 42 | 25 | 13 | 84 |

MB: Individua Membro kun Gvidlibro tra E-movado
MJ(-K): Individua Membro kun Jarlibro
MA(-K): Individua Membro-Abonanto kun Jarlibro kaj „Esperanto"
SA: Simpla abono al „Esperanto", sen membreco en UEA/TEJO
Kto: Abono al „Kontakto", sen membreco en UEA/TEJO
SZ: Kotizo por Societo Zamenhof, mecenata kategorio, ne inkluzivas membrecon en UEA.

La kotizoj pageblaj en dinaroj, laŭ la kurzo, sendante monon al la ĉefdelegito:

*Milica Ristić-Dokmanović, Bulevar JNA 29, 11000 Beograd, tel. (011)431-482*